# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.50 sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

Heroldo de Esperanto

Horrem bei Köln (Germanujo)

Fako: Verda Stelo.

Redaktoro: Teo Jung.

Kunlaborantoj en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn**
**ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo 0.16 braz. milr., 3 bulg. levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07 1/2 dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno. 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07 1/2 sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

**N-ro 4** | **Aprilo** | **1928**


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**Esperanto-kursoj por parlamentanoj.**

Esperanto-kursoj por parlamentanoj okazas nuntempe en la Sveda Parlamenta Domo. Estas certe aprobinde, ke parlamentanoj tiamaniere dediĉas tempon kaj laboron al la esploro de la grava problemo pri mondlingvo.

**15 000 partoprenantoj ĉe unu Esperanto-kurso.**

Okaze de Esperanto-kurso disaŭdigita per la radio-stacio JOAK en Tokio (Japanujo) estas venditaj 15 000 lernolibroj, kaj eĉ tiu provizo ne sufiĉis.

**Germanaj radio-aŭskultantoj preferas Esperanton al la angla lingvo.**

Laŭ komisio de la sendstacio Königsberg (Germanujo) la Esperanto-kursestro instigis la Esperanto-interesulojn sin anonci al la send-asocio. Alvenis ĉ. 2200 respondoj por Esperanto, dum al simila instigo por la angla lingvo alvenis nur ĉ. 1500 respondoj.

**Laborista Universitato en . . . Ĥinujo enkondukas obligatoran Esperanto-instruadon.**

La Nacia Laborista Universitato en Shanghai envicigis Esperanton kiel obligatoran fakon en la instruplanon; 200 studentoj jam eklernis.

**Sveda urbo subvencias Esperanto-kongreson.**

La urbo Göteborg decidis subvencii per 2000 svedaj kronoj la kongreson de la esperantistaj proletarioj (SAT) okazontan dum nuna somero en tiu ĉi urbo.

**Ĉiutage Esperanto per Radio.**

La semajna Esperanto-ĵurnalo „Heroldo de Esperanto" enhavis en sia numero de 9. 3. detalan programon de la Esperanto-dissendoj. Laŭ ĝi oni jam povas ĉiutage aŭskulti Esperanton per Radio.

## English.

**Members of Parliament learn Esperanto.**

An esperanto class for members is now being held in the Swedish House of Parliament. This is doubtless the way for members of Parliament to study the problem of a world language.

**15 000 people take part in an Esperanto Course.**

Whilst the radio station JOAK in Tokio was broadcasting a course of Esperanto lessons no less than 15 000 Esperanto grammars were sold to listeners in and even this quantity was not sufficient for the demand.

**German listeners in prefer Esperanto to English.**

Commissioned by the broadcasting station of Konigsberg (Germany) the leader of the Esperanto courses there asked all those interested in Esperanto to announce themselves to the station. About 2200 replies came for Esperanto, whereas a similar demand about English only brought 1500 replies.

**A Labour University in . . . China introduces Esperanto as a compulsory subject.**

The National Labour University in Shanghai introduced the study of Esperanto as a compulsory subject of the curriculum. 200 students have started the language.

**A Swedish Town grants a subsidy for an Esperanto Congress.**

The town of Goeteborg has granted 2000 kr. for the Esperanto Congress of the Proletariat (SAT) which will be held there during the present summer.

**Daily Esperanto on the Wireless.**

The weekly Esperanto Journal „Heroldo de Esperanto" contains in its edition of the 9 th. March a detailed programm of Esperanto broadcastings. According to this programm it is now possible to listen in daily to Esperanto lectures and speeches on the wireless in different parts of the world.

## Deutsch.

**Esperanto-Kurse für Parlamentarier.**

Esperanto-Kurse für Parlamentarier finden zur Zeit im schwedischen Parlamentsgebäude statt. Es ist gewiss anzuerkennen, dass Parlamentarier auf diese Weise ihre Zeit und Arbeit der Erforschung des wichtigen Weltsprachenproblems widmen.

**15 000 Teilnehmer an einem Esperanto-Lehrgang.**

Gelegentlich eines von der Radiostation JOAK in Tokio (Japan) verbreiteten Esperanto-Kursus wurden 15 000 Lehrbücher verkauft, und selbst dieser Vorrat genügte nicht, um alle Wünsche zu befriedigen.

**Deutsche Radiohörer geben Esperanto dem Englischen gegenüber den Vorzug.**

Im Auftrag der Sendestation Königsberg empfahl der Leiter des Esperanto-Kursus den Interessenten für Esperanto, der Sendestation ihre Anschrift mitzuteilen. Es gingen etwa 2200 Antworten für Esperanto ein, während auf eine ähnliche Empfehlung für die englische Sprache nur etwa 1500 Antworten einliefen.

**Eine Arbeiter-Hochschule in . . . China führt den obligatorischen Esperanto-Unterricht ein.**

Die Nationale Arbeiter-Hochschule in Schanghai hat Esperanto als obligatorisches Fach in den Lehrplan aufgenommen; 200 Studenten haben bereits mit der Erlernung des Esperanto begonnen.

**Eine schwedische Stadt beschliesst eine Beihilfe zu einem Esperanto-Kongress.**

Die Stadt Göteborg bewilligte einen Betrag von 2000 schwedischen Kronen als Beihilfe zu dem im Sommer dieses Jahres dortselbst stattfindenden Arbeiter-Esperanto-Kongress (SAT).

**Täglich Esperanto durch Radio.**

Die Esperanto-Wochenzeitung „Heroldo de Esperanto" enthielt in ihrer Nummer vom 9. März ein ausführliches Programm der Esperanto-Sendungen. Demnach kann man bereits täglich Esperanto durch Radio hören.

## Français.

**Cours d'esperanto pour parlementaires.**

Des cours d'esperanto pour les parlementaires ont lieu actuellement au parlement suédois. On peut vraiment féliciter les parlementaires de consacrer ainsi du temps et de la peine à l'étude du problème de la langue internationale.

**15 000 élèves pour un cours d'esperanto.**

A l'occasion du cours d'esperanto diffusé par la station JOAK à Tokio (Japon) 15 000 grammaires ont été vendues et ce nombre n'a même pas été suffisant.

**Les auditeurs de la station radiophonique allemande de Koenigsberg préfèrent l'esperanto à l'anglais.**

Suivant le désir de la station de Koenigsberg (Allemagne) le professeur d'esperanto de la station a demandé aux auditeurs s'intéressant à l'esperanto de se faire connaître. On a reçu environ 2200 réponses pour l'esperanto tandis qu'on n'avait obtenu environ que 1500 réponses à une enquête similaire sur la langue anglaise.

**Une université populaire en . . . Chine introduit l'enseignement obligatoire d'esperanto.**

L'Université populaire nationale de Shanghai a introduit dans son programme l'esperanto comme branche obligatoire. 200 étudiants aprennent déjà.

**Une ville suédois subventionne un Congrès d'esperanto.**

Goeteborg a décidé d'allouer une subvention de 2000 k. s. au Congrès de travailleurs espérantistes (SAT) qui aura lieu dans cette ville cet été.

**L'esperanto diffusé chaque jour par radio.**

Le journal espérantiste hebdomadaire „Heroldo de Esperanto" a donné dans son numéro du 9. 3. 1928 le programme détaillé des jours et des heures où l'esperanto est diffusé. D'après ce programme on constate que déjà chaque jour l'on peut entendre l'esperanto par radio.

---

**La 14-a de aprilo** estas la mortotago de D-ro L. L. Zamenhof.

Ĝi estas ankaŭ

# Tago de la Originala Esperanto-Literaturo.

Ĉiu samideano konsideru

sia morala devo je tiu ĉi tago aĉeti almenaŭ unu literaturajon originale verkitan en Esperanto.

## La hodiaŭa numero

de Verda Stelo ampleksas ses paĝojn. Al ĝi estas aldonita prospekto pri la Tago de la Originala Esperanto-Literaturo por tiuj legantoj, kiuj ĝin ankoraŭ ne ricevis kun Heroldo. Ni rekomendas la prospekton al la bonvola atento de niaj amikoj.

# Tra la mondo.

Nia epoko staras en la signo de la konkero de l' aero. Ankoraŭ ni estas nur en la komenco de l' militiro, kvankam jam multo estas atingita. Super la kontinento oni veturas jam preskaŭ same sekure kaj certe multe pli rapide tra la aero ol sur la terfundo, kaj la samo validas ankaŭ pri negrandaj distancoj super la maro. Nur la granda mondmaro, la Oceano, kun siaj senlimaj akvodezertoj, sen taŭgaj havenoj por aviadiloj, ankoraŭ kontraŭstariĝas al la maltimaj klopodadoj de bravuloj decidintaj venki ĝin per aertrafikilo. Kelkaj speciale bonŝanculoj sukcesis, sed pli multaj pagis sian riskemon per la vivo. Kaj tamen la Homo ne ripozos, ĝis per sia energio kaj eltrovemo li estos fleksinta sub sian volon ankaŭ la kontraŭstarantan giganton — la Oceanon. Pereu dekoj, pereu ankoraŭ centoj aŭ eĉ miloj da sentimaj pioniroj, tamen la celo iutage estos atingita.

Ni aŭdas, ke la konata aerheroo **Lindbergh** intencas en la venonta somero refoje transversi la Atlantikon, viziti ĉiujn eŭropajn ĉefurbojn kaj ankaŭ Ruslandon, Ĥinujon kaj Japanujon kaj transflugi la Pacifikon. Isak **Levine**, la frato de la oceantransfluginto Charles Levine, ankaŭ estas entreprenonta transoceanan flugon, kune kun la konata amerika heredontino f-ino Mabel Boll.

Laŭ gazetraportoj, en Londono estas formata **societo por entrepreno de regulaj transatlantikaj flugoj.** La societo projektas la konstruadon de dudek-kvin aviadiloj, el kiuj ĉiu transportu dudek pasaĝerojn. La vojaĝo de Portsmouth (Anglujo) al Novjorko estas daŭronta 36—40 horojn.

Intertempe preparas la itala **generalo Nobile** sian nunjaran **nordpolusan flugon** per la aerŝipo „Italia". Li kunprenos dekses personojn, kiuj preskaŭ ĉiuj estos italoj, escepte de la meteorologo Finn Malmgreen, kiu estas svedo, kaj la markonisto Behounck, kiu estas ĉeĥo. La aerŝipo flugos unue al Stolp kaj de tie al Kingsbai. De tie okazos kelkaj flugoj po 2 4000 kilometroj por esplori la Arktikon.

Atentindaj estas la rekordoj atingitaj antaŭ nelonge (en la fino de marto). La usonaj aviadistoj **Haleman** kaj **Stimson** atingis novan daŭraflugan rekordon: ili restadis dum belega vetero 53 horojn 37 minutojn 10 sekundojn seninterrompe en la aero. La itala aviadisto **De Bernardi** superis sian rapidecan rekordon de 479,290 kilometroj pohore. Nun li flugis kun rapideco de **512,776 km. pohore**, kvankam nur sur distanco de tri kilometroj. Tamen tiu rapideco estas grandega: ĉiuminute pli ol 8½ km.! Se ne nia generacio, sed tre eble unu el niaj proksimaj postsekvontaj generacioj ankoraŭ ĝisvivos, ke la aviadiloj atingos la rapidecon mem de la suno, pri kio jam unufoje mi skribis sub la sama rubriko en Verda Stelo. Hodiaŭ fantazio, utopio morgaŭ vero, fakto

Ni progresas tamen.

Observanto.

## Al memoro de Zamenhof.

Sopiro, sopiro senlima!
Li mortis en urb' malproksima —
Li, nia ĉiama gvidanto.
Al mort' tamen cedi ne volas;
Sed vivas, moviĝas kaj bolas
De Majstro kreaj' Esperanto!
Jes, granda doloro nin regas,
Sed nia fervoro fortegas
Por lia senmorta laboro.
Ni devas sen halto, sen laco
Prediki l' aferon de paco,
Ĝin semi en ĉiu homkoro.
Kaj se iam venkos „novsento",
Jen estos por li monumento
Plej bela kaj inda je li.
Ho Majstro, ni venkos aŭ mortos,
Kaj ĉiam kaj ĉien ni portos
Standardon levitan de vi!

Deŝkin.

# Żamenhof, la infano.

(Skizo.)

La epoko: la dua duono de la XIX-a jarcento; reakcio kaj dormemaj, malicaj rigardoj; la vekiĝanta mondo malvigle streĉadas siajn brakojn; la zigzage kuŝantaj manoj, piedoj intertuŝiĝas kaj la unua penso kaj la unua sento de la vekiĝantaj popoloj estas la malbonvolo kaj malbonopinio, kiuj persiste marŝadas al la cerboj. — Kio okazos, se la popoloj, jam post la dormemaj rigardadoj, forviŝos la sonĝon el la okuloj?

La scenejo: kota, senhumora, kaduka, pezodora pola urbo. La urbo de la polaj peltjakoj, de la rusaj botoj, de la kozakaj perfortoj, la urbo de la ŝiritaj kaftanoj kaj de la esperon perdintaj germanaj, longaj jakoj. Super la popol-kaoso ŝvebadas malvarma, enpenetra, griza, nebula aero. — Sub la griza nebulo: okuloj, en kiuj sin kaŝas suspekto, timo aŭ fanatikeco de la pelatoj.

La patro: homo kurbigita de zorgoj, puritana, sian senesperecon profunde kaŝanta, severa, brava, tre-tre malriĉa pedagogo. Li malpermesas al si mem la rigardon al la malproksimo kaj ordonas al si mem kredi la nurajn faktojn. Li kredas, sed sub lia kredo lin digestas la varmega, eĉ fajra fortostreĉo, la streĉforto de lia natura ribelemo. Sed la familio, la lernantoj, la konatoj vidas nenion, li sulkigas sian frunton kaj antaŭenpuŝas sian tutan, kolektitan forton sur la tramoj de la plej konscienca pedagogio.

La patrino: virino de aliaj, pli belaj mondoj, kiu sentas kun malgaja instinkto, ke ŝia alveno estas tro frua aŭ malfrua. — Ŝi ne scias multe, sed super ĉiuspecaj sciencoj alte staras ŝia malgaja boneco, ŝia dolora simpatio al suferoj. (Grandokula, revema sonĝvirino, kiu punas per malgajaj kisoj kaj la tristaj*) kisoj kaŭzas doloron, bruligas la koron de la infano, ili vekas pensojn, sentojn kaj eble ili donas pli da konscienco, ol la saĝa instruado, la senkompromisa severeco de la patro.

La infano? Ludoviko estas alojaĵo de la patra dureco*) kaj de la patrina moleco. Li estas senindulga juĝanto pri si mem, sed li amas, pardonas la homfratojn, eĉ la malicajn, ĉar li kredas la nevenkeblan forton de la amo. Jam, dum la infanetaj jaroj, li degeliĝas en si mem la tutan mondon, kaj liaj brakoj etendiĝas al la amaso de la homaj suferoj. — Li estas pala, malforta infano; li estas revema, bonkora knabo; pli aĝa, li volonte amuzas la kunulojn, sed ĉi tiu bonhumoro estas nova branĉeto, ĝi estas prefere la gitarmuziko de la ridon volanta kaj serĉanta bonanimo, ol sana ridego por mem la ridego. La patrino karesas, moligas sian fileton kaj instinkte edukadas en li la revonton pri la pli bela sorto de la homaro. — En la patrino vivis la animo de la sanktuloj kaj la molaj manoj flegadas, ornamas la junan ĝardenon de la animfloroj. — La patro regas en la lando de la faktoj, kiuj estas tre malĝojigaj; la homfratoj estas kruelaj, malbonodoraj, aĉaj de la koto, nelaviteco, aŭ de la suspekta frenezeco; ili premadas, batadas, vipas unu la alian; ili sputadas venenon en la animojn, kaj super ĉiuj mizeroj tronas la regado de la granda troflero. — Bjalistoko, la urbo, nun polva, alifoje kota, vivadas, vegetadas, baraktas en la senkonsola batalado de la enloĝantaj popoloj. La neniuloj de la pola urbo ĝuas la plezuron de la krudaj ĉast-ekskursoj, kaj ĉiam troviĝas viktimoj, el la amaso de la aliaj mizeruloj. La vermo de la kolero, malamo maĉadas la cerbojn, sangruĝigas la frenezajn okulojn, kaj super la interbatalon sin altigas la nigra fantomo: la pogromo. La pelata popolo strabe, timeme, sed kun insidema malamo fiksas la okulojn al la kontraŭaj, kruelaj, sangon soifantaj vizaĝoj. Proksimiĝas la nokto, kaj sur la rando de l' horizonto la granda fantomo eksvingas sian tranĉilon; ektinto, kaj — silento, pormomenta silento, tuj, tuj elĝibiĝas la okuloj, la vejnoj kaj la aero peziĝos per ĝemoj, kiujn estos naskintaj la teruraj suferoj.

En la ombro de la mizero, malriĉeco, malamo, koto, en la ombro de la flamtorĉoj, sidas profundokula, pala, maldika infano kaj revadas: Ĉio reboniĝos, la popoloj, nacioj kunfratiĝos, la granda ideo fandos ĉiun malĝojon. Li sonĝas pri la lingvo, kies animo estas la Ideo.

Jen la lasta moment-atomo de la granda, terura silento.

La infano revadas

Fr. Silag, Budapest.

*) La autoro uzas la internaciajn radikojn „trist" por „malgaj" kaj „dur" por „malmol", simile kiel ni jam havas „rar" por „maloft", „amar" por „maldolĉ".

# La turmenta kaptilo.

De Prof. J. Howard.

La plej multaj feloj por la prilaborado je peltoj estas akirataj per tio, ke la bestoj portantaj la felojn estas kaptataj en kaptiloj, en kiuj la morto venas ofte nur post horoj, sed foje nur post tagoj da plej grandaj suferoj kaj plej teruraj turmentoj.

La plej multaj profesiaj felkaptistoj precipe uzas ŝtalan kaptilon, certe la plej abomenindan kapt-instrumenton iam elpensitan de homoj! Ja estas facile por la bestialaj kaptodentoj de tiu ĉi monstra instrumento, per unu sola bato fortranĉi la piedon de la kaptota besto!

Se la piedo ne estas jam fortranĉita per la kunfrapiĝo de la terura ŝtalo, ĝi tamen ofte estas tiel profunde entranĉita, ke la kaptita besto mem la piedon aŭ morde liberigas aŭ forŝiras. Tiu ĉi metodo estas por multaj bestoj la kutima maniero por liberiĝi. Felkaptistoj asertas, ke meznombre unu inter kvin felbestoj havas nur tri krurojn, kaj unu felkaptisto eĉ rakontis al mi antaŭ nelonge, ke en la pasinta vintro li kaptis cibetraton, kiu havis nur unusolan kruron!

## Ardas en mia silento . . .

„Du estaĵojn belajn havas la mondo: amon kaj liberecon. Por la amo mi donus la vivon, por la libereco mi donus la amon."

Ardas en mia silento ruĝega la flamo de l' koro,
ruĝa de l' amo la flamo — ardas en mia silento:
hardas en mi la valoron, nobliĝas per ĝi la laboro,
ĉian profundon animan heligas ravanta la sento.

Jen ke la bildo revata ridetas, ridetas amike
trans malproksimo la granda, kiu nin apartigas.
Al mia solo ŝin ligis misteraj fadenoj maldike,
tamen — mi sentas fadenojn forgeso, ne morto, disigas.

Kaj vesperiĝas: distance aŭdiĝas mallaŭta sonoro,
nin nun tintante helklare traeĥas fluganta la vento.
Staras senmove mi antaŭ la bildo: vivanta memoro,
des pli dum tempo flugadas — ardas en mia silento.

Oni jen diris: Sinjoro, memoru, Vi estas fremdulo,
sama nek vivo nek lando: la lingvo ne estas la via:
iom Vi restas, nature, ĉi tie la nekonatulo;
hejmen reiru, kaj certe feliĉo Vin ravos, alia.

Kaj jam noktiĝas: ĉiele ekbrilas la nokta trezoro,
mutas malvarma la mondo, dum nigra la vivomomento.

Siblas, fajfotas, ekflustras bloveto, rozetas aŭroro
Min, ve! — maten' ne allumos post senespera turmento.

Ho Libereco! cin nuran, cin solan mi vokas tremante
ĉar nek patrio nek kredo min ligas al elektitino:
trans la landlimoj rompitaj, piede barilojn premante,
fine kunigi du korojn ci povos, ci sola, diino.

Tamen espero mortiĝis, min regas nur alta doloro,
min detruante, la fajro — ardas en mia silento.

Kosmopolito.

# La gepatra heredaĵo.

La vento muĝis en la malnovaj gardarboj, kiuj staris ĉirkaŭ „Larsgarden". Jen la vento blovis siblante super la nudaj kampoj, jen ĝi iris silente kiel murmureto tra la glaciaj branĉoj de l' arboj.

Jes, ili havis multajn jarojn, la gardarboj. Multnombrajn ventegojn ili kontraŭstaris, tamen ili staris rekte kaj fiere kvazaŭ fidelaj gardistoj ĉirkaŭ la malnova bieno Larsgarden.

Multon ili vidis, la arboj. Ili vidis sub si la filojn kaj filinojn ludantaj, dum la infanjaroj, en la herbejo; ili vidis ilin, kiel plenkreskiĝantojn, post la laborado ripozi sur la benketoj; kaj fine la arboj vidis ilin, kiel mortintojn, forportataj por eterna ripozo en la tero — tiu tero, kiun ili amis kaj al kiu ili ja efektive apartenis.

Kiel dirite, ĝi estis malnova, la bieno. Dum jarcentoj ĝi estis kulturita kaj prizorgita de honestaj bienuloj. Tie ĉi kreskadis iliaj infanoj kaj estis edukitaj por fariĝi honestaj kaj bonaj terkulturistoj. Larsgarden ĝi nomiĝis, la bieno, kaj ĝi meritis la nomon, ĉar ĉiuj posedantoj de la bieno portis de jarcentoj la nomon Lars. Jaroj venis, jaroj forpasis, sed ĉiam estis en la bieno unu Lars, ordonanta kaj laboranta.

La gento Lars estis el kerna ligno, oni vidis tion je la nuna posedanto de la bieno. Kvankam li havis sepdek jarojn, lia irado estis vigla kaj elasta kiel dum liaj junaj jaroj, kaj ankoraŭ li direktis sian plugilon kun la sama firmeco, kiel juna viro ĝin direktas. Tamen li hodiaŭ aspektis tiel stranga kaj malgaja.

El la arbaro oni aŭdis tintilojn, kies sonoj vibradis tra la pura kaj freŝa matenaero. Lars levis la kapon, haltis dum momento kaj aŭskultis, poste li daŭrigis sian iradon al la arbaro. Sed kio estis al maljuna Lars hodiaŭ? Liaj paŝoj fariĝis pezaj, kaj li ŝajnis esti duoble malgaja kiel antaŭe.

Baldaŭ li estis interne de la arbaro — la „Grandarbaro", kiel ĝi nomiĝis, ĉar tie kreskis la pinoj grandaj kaj rektaj, kaj tie etendis la abioj siajn hirtajn figurojn al la ĉielo.

Ho, kiel ofte li, dum la infanjaroj, iradis tie ĉi inter la altaj pinoj, aŭskultante al la murmurado de l' vento kaj vidante, kiel la lastaj radioj de l' suno brilis sur la ruĝa ŝelo de l' arboj. Kiam ĉagrenoj kaj zorgoj lin premis, li iris al sia kara arbaro, kaj ĉe ĝia gaja murmurado li baldaŭ forgesis ilin kaj ree fariĝis gaja kaj kontenta.

Sed nun ĝi estis for, lia amata arbaro. Ĝin faligis la monmalsato de la nuna tempo, ĝi estis vendita al la akcia societo, kiu estis konstruinta segejon ĉe la fervoja stacio, kaj nun oni hakis kaj fortransportis per ĉiuj fortoj de frumatene ĝis vespere, kaj la tutan tagon oni aŭdis la krakadon de grandarboj falantaj teren.

Ja kontraŭstaris Lars kiel eble plej multe, kiam liaj filoj lin instigis vendi la arbaron; sed la potenca forto, kiu nomiĝas La Mono, venkis kiel ĉiam. Malgaje li ĉirkaŭrigardis la detruejon . lia arbaro estis for. Nur kelkaj arboj restis.

Unu el liaj filoj, kiu estis laborestro en la arbaro, ekvidis lin.

„Bonan tagon!" li diris. „Vidu jen, patro, nun ni estos baldaŭ finintaj la dehakadon."

Lars ne respondis al li, sed daŭrigis sian iradon, dum lia filo kun miro postrigardis lin.

Sed Lars iris pluen, severe riproĉante sin, ke li vendis la arbaron. Ĉiuj liaj antaŭuloj zorgadis bone pri la arbaro. Sed li kiel li ĝin prizorgis? Estis ja vere, ke la arbaro estas maljuna; sed ankoraŭ ĝi povus kreskadi dum kelkaj viraĝoj. Cetere ĝi ja tute ne estis lia! Nur heredaĵo de liaj gepatroj, kaj mem li devus doni ĝin herede al siaj infanoj.

Ho, kiel volonte li nun oferus la grandan monsumon, kiun li ricevis por la arbaro, se li nur povus rehavi ĝin!

Sed tie en la „Grandarbaro" falis la lastaj arbegoj teren, kun lasta ĝemanta murmureto en la suproj

Originale de H. Karlsson.

La kvar vivleĝoj direktas siajn postulojn al la **tuta** homo: ne nur al la **karaktero**, sed ankaŭ al la **korpo** kaj spirito.

---

Se la homaj instinktoj estas sanaj, ili obeas la vivleĝojn kaj konstruas sur ili la templon de sia moraleco.

**IX. 1. Tempo kaj spaco.**

Eŭropo estas loĝata de du tute malsamaj homgrupoj: de **eŭropanoj** kaj de **eŭropaninoj**.

Ĉi tiuj du homgrupoj estas inter si ne nur korpe sed ankaŭ anime kaj spirite pli diferencaj, ol eŭropanoj kaj ĉinujanoj. La naturo destinis al ili malsamajn taskojn por la vivo, malsamajn vivformojn, malsamajn vivperceptojn kaj **malsamajn animformojn.**

Malgraŭ tio la eŭropa etiko apenaŭ ekkonis ĉi tiun diferencon: la **kristanismo** ne konas virajn kaj virinajn, sed nur homajn animojn.

La eŭropa moraleco ne povas saniĝi, antaŭ ol la etiko ekkonos ĉi tiun fundamentan eraron. Ne, antaŭ ol estos rekonataj malsamaj vivformoj kaj malsamaj virtoj por viroj kaj virinoj.

# El Scienco kaj Tekniko.

### Televidado trans la Atlantikon.

**Sukcesaj eksperimentoj.**

S-ro L. G. Hutchinson, ĉefadministranto de la Baird Televida Progresiga Kompanio, Londono, antaŭ ne longe sciigis dum intervjuo, ke televido estas jam definitive starigita inter Londono kaj Novjorko. Li diris:

Ni dum longa tempo eksperimentis en nia lando kaj jam atingis sukceson ĝis rimarkinda grado. Ni laboradis en Leeds, Glasgow, Hull kaj aliaj urboj kaj ricevis ekzaktajn konturojn en Londono, sed la eksperimentoj kun Novjorko estis faritaj kun severa sekreteco. En nia oficejo en Londono dum ses semajnoj ni faris esploran laboron, kaj lastatempe ni povis kontaktiĝi kun Novjorko. Plurfoje estis eble al ni vidi la vizaĝojn kaj manojn de homoj, kvankam la trajtoj ne estis tute klaraj; sed tio estas detalo, kiu sendube estos perfektigata post nelonge. Mi veturas al Usono por kontroli oficialajn eksperimentojn, rilate al transsendado de bildoj transatlantiken kaj por esplori la eblecojn fari tion sur profitdona bazo. Televido, sendube, estonte ludos grandan rolon en la ĉiutaga vivo de homoj. Oni ne povas ne rememori la profetaĵon de Profesoro Ayrton, kiu antaŭ 25 jaroj diris: „La tago venos, kiam per elektra voĉo vi povos voki vian amikon en iu ajn parto de la mondo kaj li povos vin aŭdi. Se li ne povas vin aŭdi, do, estos preskaŭ senriske supozi, ke li jam ne vivas." Tiu tago naskiĝis per la Radio; kaj oni nun povas diri, ke ni estas ĉe la sojlo de nova epoko, kiam ni povas per elektra okulo „kini" la mondon kaj vidi niajn amikojn.

La metodo estas ŝanĝi lumon en sonon, kiu estas poste disaŭdigata. La televidato pozas sin kun lumo brilanta sur la vizaĝon, antaŭ aparato sentema al lumo, kiu kreas zumadon kiel aeroplano, kun diversaj fortecoj laŭ la klaraj aŭ malklaraj lumoj rejetataj de la pozanto. Tiu zumado estas plifortigata kaj sendata per dratoj telefonaj al disaŭdiga stacio kaj de tie dissendata laŭ la ordinara maniero. La ondoj tiel transsendataj estas kaptataj kiel ordinara Radio kaj ŝanĝataj en bildojn sur speciale konstruitan ekranon por ricevo. La variado de la forteco de sono kaŭzas reciprokan variadon en amplekso de lumo, tiel formante la bildon. E. E. Y.

### Moderna astronomia horloĝo.

En Oak-Park (Illinois, Usono) staras astronomia horloĝo, kiu reagas je la diferenca forteco de la sunradioj. La horloĝo estas interligita kun la stratlumigado, tiamaniere, ke konforme al la estingiĝo de la taglumo (malleviĝo de la suno) la elektra lumigado aŭtomate ekfunkcias kaj ĉe la taga krepusko (leviĝo de la suno) same aŭtomate ekmalfunkcias. Tiamaniere en la urbo regas ĉiam egale forta lumo, eĉ ĉe malhelaj vintrotagoj kaj nokte. La horloĝo kostis, laŭ gazetraportoj, unu milionon da dolaroj.

# Diversaĵoj.

### Novaj ĉefurboj.

Lastatempe estiĝis en la mondo tri novaj gravaj ĉefurboj. La Kantonanoj deklaris la tri urbojn Vuĉan, Hankaŭ kaj Hanjan sub la nomo **Vuhan** kiel ĉefurbon de Suda Ĥinujo, kiu — la ilia intenco — devos resti ĉefurbo de tuta Ĥinujo, se oni sukcesos reunuigi la landon. Vuhan situas ĉe la Jantsekjan-riverego, proksimume je sama distanco de Pekin, Kanton kaj Ŝanhaj. Oni asertas, ke tiu ĉi giganta urbo post 50 jaroj estos la plej granda urbego de la mondo.

La nova aŭstralia ĉefurbo **Canberra,** proksime de Sydney, kiu estas fondita nur en la jaro 1913 kaj kiu havis en 1924 nur 3700 loĝantojn, kreskas de jaro al jaro. Certe oni rajtas taksi ĝian nunan loĝantaron jam je dekmiloj.

Dum januaro la vicreĝo de Hindujo inaŭguris la parlamentejon de la nova hinda ĉefurbo **Nova Delhi,** kiu estas nove konstruita en la lastaj dekkvin jaroj, sude de la malnova hinda ĉefurbo Delhi.

### Internacia konkurso por junaj oratoroj.

Kanado dediĉis internacian premion por la plej bona juna oratoro, (malpli ol 19-jara). La konkurso okazos en tiu ĉi jaro je trian fojon en Washington. En la pasinta jaro franca knabo kaj en la antaŭpasinta jaro itala knabo gajnis la premion. La konkurson rajtas partopreni junuloj el Kanado, Kubo, Germanujo, Francujo, Nederlando, Italujo, Meksiko kaj Usono. Oni povos elekti inter vico da diversaj temoj. La konkursontoj devos anonci sin ĝis 25-a de aprilo al: Mr. Randolph Leigh, Director, International Oratorical Contest, 223, Star-Building, Washington, D. C., Usono. La juna oratoro, kiu estos elektata kiel reprezentanto de Germanujo, ricevos senpagan vojaĝon al Washington kaj sumon de 700 markoj kiel vojaĝelspezojn.

### La plej grandaj transmaraj aerflugoj.

Laŭ la Pariza ĵurnalo „Excelsior" la plej grandaj aerflugoj trans la maron estis jenaj:

25. 7. 1909: Blériot — transflugo de la Kanalo, Calais-Dover, 40 km, 27 min. 21 sek.

23. 9. 1913: Roland Garros — transflugo de la Mediteraneo, St. Raphael-Bizerte (Tunisio), 760 km, 7 h. 53 min.

26. 1. 1919: Roget kaj Colis — transflugo de la Mediteraneo, Marseille-Alger, 800 km, 4 h. 20 min.

17. 5. 1919: Read — transflugo de l' Atlantiko, Nova Tero (Nova Faŭndlando) al Azoraj insuloj, 1950 km, 15 h. 17 min.

14.—15. 6. 1919: Alcock kaj Brown — transflugo de l' Atlantiko, Nova Tero al Clifden (Irlando), 3200 km, 17 h. 20 min.

10. 5. 1926: Byrd — al Norda Poluso-Alaska kaj revene, 2000 km, 15 h. 30 min.

20.—21. 5. 1927: Lindbergh — transflugo de l' Atlantiko, New-York-Paris, 5836 km, 33 h. 27 min.

4.—6. 6. 1927: Chamberlin kaj Levin — transflugo de l' Atlantiko, New-York-Eisleben, 6500 km, 43 h.

28.—29. 6. 1927: Maitland kaj Hengenberger — transflugo de l' Pacifiko, San Francisco-Honolulu, 3790 km, 23 h. 21 min.

29.—30. 6. 1927: Byrd — transflugo de l' Atlantiko, New-York-Ver-sur-mer, 5600 km, 40 h. 8 min.

### Dronantaj vilaĝoj.

Ekzistas multaj legendoj pri iam potencaj urboj, katedraloj, kasteloj, vilaĝoj, dronintaj en la maro aŭ en lago. En specialaj tagoj aŭ noktoj, aŭ je specialaj okazoj, oni povas, laŭdire, aŭdi sonoradon aŭ fiorkantadon el la profundo de la maro aŭ lago. Sed tiuj ĉi legendoj ne estas nuraj legendoj sed tre ofte havas firman bazon. Eĉ nuntempe la maro konstante minacas la bordon, mordas la teron, kaj de tempo al tempo ni legas pri tio, ke la ondegoj forŝiris fiŝistan domon, aŭ preĝejon, aŭ tutan vilaĝon. Antaŭ nelonge — tio estis en la vilaĝo Walton ĉe la orienta marbordo de Anglujo — dum eksterordinare malalta tajdorefluo subite reaperis la malnova preĝejo, kiu estis malaperinta en la maro kaj anstataŭigita de nova preĝejo. En la graflando Suffolk troviĝis iam riĉa urbo apud la marbordo: Dunwich. En la mezepoko ĝi estis tiel fortikigita, ke ĝi estis opiniata kiel nekonkerebla. La urbo posedis minimume sep preĝejojn. Ĝis la jaro 1832 ĝi estis reprezentita en la angla parlamento per du deputitoj. Nuntempe tiu urbo estas mizera ruinejo. La preĝejo de Ĉiuj Sanktuloj de Dunwich staris, eĉ dum nia generacio, kiel belega ruino sur la rifoj. Iom post iom ventegoj kaj ondegoj forŝiris ĝin, kaj restis jam nur malgranda turruino. La cetera parto de la urbo ankaŭ estas, iom post iom, formanĝita de la maro. La samo okazis kun aliaj urboj kaj vilaĝoj, kaj neniam la maro ripozos detruí la verkojn de l' homoj.

### Kiun profiton donas la Monto Blanka?

La Monto Blanka, la plej alta monto de Eŭropo, krom la spirita profito, kiun ĝi prezentas al meteologiaj kaj geologiaj esploristoj por ilia scienca okupado, ankaŭ prezentas atentindan materialan profiton. Statistiko submetita al la nacia ekonomia konsilantaro de Francujo montris, ke ĉiujare proksimume 400 000 turistoj ascendas la monton de la franca flanko, 275000 de la itala kaj 350000 de la svisa flankoj. Supozante, ke ĉiu turisto elspezas en la regiono de la Monto Blanka ĉ. 50 orfrankojn por transportado, manĝado, loĝado k. a. (multaj certe elspezas pli multe), oni rajtas kalkuli, ke la plej alta monto de Eŭropo donas ĉiujaran profiton de ĉ. kvindek milionoj da orfrankoj.

### La ĉasaŭtomobilo de la maharaĝo.

La hinda maharaĝo Ali Kan de Nantara posedas speciale por tiu celo konstruitan ĉasaŭtomobilon. Ĝi estas surpentrita per diversaj koloroj, ĉefe per verdaj, brunaj kaj aliaj arbokoloroj, por ke ĝi restu laŭeble nerimarkebla por la ĉasataj bestoj. La motoro havas 50 ĉevalpovojn. La aŭtomobilo havas lokon por ses personoj. Je ĉiuj flankoj ĝi estas ŝirmita per antaŭkonstruaĵoj kontraŭ eventualaj atakoj de rabobestoj. Al la ekipaĵo apartenas glaciŝranko por konservi malvarmaj la manĝaĵojn kaj trinkaĵojn; akvujo; medicinaĵoj; kaj embrazuroj (paffendoj) por ĉasafiloj. Sed la plej interesa apartenaĵo estas reflektoro (lumĵetilo), per kiu oni pormomente blindigas la rabobestojn dum la ĉasekskursoj okazantaj plej ofte dumnokte. Poste estas facile pafmortigi la blindigitajn bestojn.

# Humoro.

(El „Fliegende Blätter" trad. Hojo.)

**Singarda.**

— Oni diras, ke la akvo estas malbona en ĉi tiu urbo, tute ne trinkebla. Kion do vi faras kontraŭ baciloj?

— Mi boligas la akvon.

— Kaj poste?

— Mi steriligas ĝin.

— Kaj poste?

— Poste mi trinkas bieron.

### Por komencantoj.

**En la urbeton venis cirko.**

Tio estis ne la unua fojo, ke en la urbeton venis cirko. Sed neniam venis en la urbeton tiel **grandeta** cirko. Jam du semajnojn pli frue la neordinara okazaĵo ĵetis sian ombron antaŭen. Tiam sur la muroj kaj telegrafaj fostoj de la urbeto aperis la unuaj afiŝoj. Per akrakoloraj bildoj kaj grandaj literoj ili kriegis la okazontaĵon al la preterpasantoj. Poste aperis anoncoj en la loka duonsemajna ĵurnalo, kaj fine . . . alvenis la cirko mem. Ĝi estis starigata sur la granda placo tuj apud la urbodomo.

Kiam alproksimiĝis la vespero de la unua prezentado, la duona urbeto kaj kelkaj vilaĝoj el la ĉirkaŭaĵo ekmoviĝis al la cirko. Poste la homoj sidis dense premitaj unu apud la alia sur la tribunoj, rigardante kun streĉitaj nervoj kaj retenita spiro la kolorompaĵn eksperimentojn de la akrobatoj sur la trapezo aŭ la danĝerajn de la domptistoj. Precipe la sceno kun la maltrankvilaj sangavidaj bengaltigroj, kiujn prezentadis belkorpa juna domptistino, estis spiroraba. La leonoj estis jam malpli sovaĝaj, kaj la ursoj komparé al ili jam ŝajnis tute senmalicaj, naive ludemaj, eĉ amikemaj. La belegaj ĉevaloj elvokis ĉies admiron. La dancistinoj altiris al siaj flekseblaj korpoj kaj graciaj kruroj la rigardojn de l' viroj kaj junuloj, dum la virinoj kaj fraŭlinoj pli multe admiris la fortajn muskolojn de la atletoj levantaj pezajn objektojn aŭ interluktantaj jen malsupre en la areno. La „sovaĝa" azeno, kiun neniu sukcesis rajdi, kaj la „Aŭgusto", kiuj de tempo al tempo faris siajn grimacojn kaj nemultvalorajn ŝercaĵojn aŭ donis ŝajnajn vangfrapojn unu al alia, multe ridigis la publikon. Ankaŭ la orkestro aldonis por la kontentigo de la vizitantaro.

Kaj verdire, kiam la publiko forlasis la cirkon, ĝi estis pli ol kontentigita. Nokte la juĝeja asesoro Ardul sonĝis alterne pri la graciaj kruroj de la dancistinoj kaj la belkorpa juna domptistino. Dume kelkaj fraŭlinegoj sentis sonĝinkubon, imagante esti minacataj de la ungegoj de iu el la sovaĝaj sangavidaj bestoj; sed efektive nur museto kurrapidis trans la plankon de ilia dormoĉambro.

### Studo per Serĉo.

De S. R. Palaĉori.

Ni iufoje eraras pro simileco de la vortoj serĉi kaj ŝerci; por bone enmemorigi ilin, ni rimarku ke ili komencas per s kaj ŝ, finas per ĉi kaj ci. Nu, kiu „serĉas" tiu estas „serioza", ĉiam serioza. Kiu ŝercas kun ŝi, tiu povas diri al ŝi „ci". Nepo kaj nevo, estas filido kaj frat(in)ido; tiuj du vortoj diferencas nur per du literoj p kaj v. Nu, nepo supozigas ekziston de patro, kaj nevo diras „vi" al sia onkl(in)o. Komencantoj trovas malfacila la tabelon da kunrilataj vortoj, ili tamen rimarku ke iam, kiam, tiam signifas momenton, tempon, ke kial, tial signifas kaŭzon, ke kies, ties signifas posedon, iel, kiel, tiel signifas manieron, adverban demandon, al kiu oni respondas per „bone forte, multe", ktp. Oni trinkas teon, oni drinkas danĝeran likvoron. Pulvo estas nigra kiel pulo, polvo kovras objektojn dum somero. Pulvoro de farmacio kostas kiel oro. Karobo kreskas sur arbo, karoto kreskas en tero. Erinaco estas pikhava besteto, eriko — pikhava kreskaĵo, ergoto — pikilo de koko. Simio kaj simululo faras similaĵojn. Kokino donas ovojn, kokono estas ovoforma saketo de larvo. Bombono estas bonbona. Zibelo estas pli bela ol zizelo. Kruroj sur planko, frunto al plafono. Tipografo kompostas, muzikisto komponas. Oni agordas agante por havigi taŭgan akordon de muzikilo. Tabulo kaj bulo el ligno, tabelo estas tekato en formo de kolono, stablo — metia tablo. Blunigra pruno kovrita kvazaŭ de pruino. Pro nebulo mankas bulo (suno). Korvo estas vastkorpa, volforta, korniko estas kampa birdo, malpli forta. Regno — nacia rego. Pupilo de okulo, pupitro de tablo. Kulo flugas tra kurteno, pulo saltas sur planko.

# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj, PM = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, pĉt. = pri ĉiuj temoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

**Societaj ludoj:** 1. Proverba kvartetludo sv. fk. 2.— (rmk. 1.60), 2. Litera ludo sv. fk. 2.— (rmk. 1.60), 3. Rido sen Fino (demanda kaj responda ludo) sv. fk. 2.50 (rmk. 2.—). Al ĉiu ludo estas aldonita ludregularo. Por afranko aldonu 10%, Aŭstrio kaj Germanujo 5%. Grupoj ĝuas rabaton de 10%. Mendu ĉe la Libreja fako de Heroldo!

**Leterfolioj** (bona, blanka papero kun verda stelo kaj tekato „Esperanto lingvo internacia") kun kovertoj. Du formatoj: 22×28 cm (2-paĝa) aŭ 14×22 cm (4-paĝa). Prezo: 10 folioj kun kovertoj rmk. 0.40; 100 ekzempleroj rmk 3.— (ekskl. afranko). Mendu ĉe la Libreja fako de Heroldo!

Mi deziras novajn eŭropajn PM, 5 kompletajn seriojn, ĵus eldonitajn, ĉu rememorigajn ĉu por bonfaro. Mi pagos ilin aŭ interŝanĝos per novaj italaj PM. D. Ceroni, Francobolli per Collezioni, Torino 2, Via Maria Vittoria 20, Italujo.

Mi deziras korespondi kun gejunuloj el ĉiuj landoj pĉt. Dimitrije K. Dise, Prilep, Zlatarska 5, Jugoslavio.

S-ro José Salsoso, Tocina, Sevilla, str. Sagasta 29, Hispanujo, deziras korespondadi.

S-ro Francisco Casas, Tocina, Sevilla, str. Sagasta 29, Hispanujo, deziras korespondadi.

S-ro Antonio Carrasco, Tocina, Sevilla, str. Hospital 15, Hispanujo, deziras korespondadi.

S-ro Manuel Rodriguez, Tocina, Sevilla, str. Modelo 3, Hispanujo, deziras korespondadi.

S-ro Francisco Munez, Los Rosales, Sevilla, Fábrica Azucarera, Hispanujo, deziras korespondadi.

S-ro Francisco Gomez, Sevilla, str. Velarde 15, Hispanujo, deziras korespondadi.

**Esperanto dum maskobalo.**

La Esp. Propaganda Rondo de Bratislava (Ĉeĥoslovakio) partoprenis la plej grandan kaj plej bone vizititan balon de la sezono, kiun vizitis 2200 homoj. La urba Reduto estis plenplena de diversaj bonegaj maskoj, multekostaj kostumoj, kaj ĉio estis tre eleganta. Ni esperantistoj ekkaptis la maloftan okazon por fari bonan propagandon inter tiom da homoj kaj partoprenis ĝin per tre interesa grupo.

Ni aspektis, kiel la aldonita bildo montras. Enirante la salonon, en nia mezo ni portis du metrojn grandan terglobon, sur kies pinto flirtis la verda flago. De la pinto pendis verdaj rubandoj, kiujn kvin esperantistinoj, vestitaj kiel verdaj steloj, tenis en la manoj. Inter la verdstelulinoj iris la viroj en diversaj kostumoj, reprezentantaj la kvin partojn de la mondo. Dume ni ekkantis la Himnon kaj aliajn esperantajn kantojn. La tuta aranĝo sukcesis tiel bone, ke ni eĉ ricevis premion, kaj ĉiu gazeto kantis dum la tuta semajno laŭdmelodiojn pri nia kostumgrupo. S. T.

# El „Heroo aŭ Sanktulo"

de Grafo Coudenhove-Kalergi.

La novaperinta grandioza verko „Heroo aŭ Sanktulo" de Coudenhove-Kalergi (Held oder Heiliger, Paneuropa-Verlag, Wien) pritraktas ĝenerale la problemon de l' eŭropa popolo laŭ geografia, historia, socia kaj etika vidpunktoj; ĝi esploras kaj kritikas la nuntempan dekadencon de socia kaj politika-ekonomia malmoraleco kaj almontras fine al la fundamentaj normoj de l' morala renesanco.

Kun permeso de la aŭtoro mi esperantigis la sekvantajn partojn el la eminenta verko.

D-ro Edmund Sós.

### I. 1. Etika relativismo.

**Ekzistas multaj koloroj — sed nur unu lumo; ekzistas multaj stiloj — sed nur unu arto; ekzistas multaj moralecoj — sed nur unu etiko.**

**La abstrakta** moraleco estas senefika kaj senviva; nur la konkretaj moralecoj estas efikplenaj kaj vivaj.

La vivaj moralecoj estiĝas per tio, ke la ununura lumo de l' etiko rompiĝas en la prismo de l' moro.

Tiamaniere la absoluta etiko estas la patro de ĉiu moraleco, kaj la ŝanceliĝanta moro — ĝia patrino.

Ĉar ĉiu kultursfero kaj ĉiu epoko kreas diversajn morojn, ili do ankaŭ kreas diversajn formojn de la moraleco. Tio, kio estas sur unu terparto bona, povas sur alia esti malbona; tio, kio estas en unu epoko bona, povas esti en alia malbona.

**La moraleco estas infano de moroj;** la moro estas infano de geografio kaj historio, de l' klimato, religio, tradicio kaj raso.

En Eŭropo estas la **poligamio** io malmorala — en vastaj regionoj de Azio ĝi estas io morala. Estus arogante, se la eŭropanoj volus deklari, ke ilia primorala percepto ĉe tiu ĉi problemo estas la esprimo de absoluta moraleco. Ĉar estas citeblaj etikaj kaj biologiaj argumentoj por kaj kontraŭ la poligamio, kaj absolute ne estas certe, ĉu ne unu tagon, kiam la blankan rason estos minacanta la formorto, Eŭropo ŝanĝos sian opinion pri poligamio — same kiel nuntempe Azio sian opinion pri monogamio.

En kelkaj popoloj validas la **sangvenĝo** kiel morala, en aliaj kiel malmorala. Ankaŭ ĉi tie estas moraleco kaj malmoraleco dependaj de la moro. Albaniano, kiu ne plenumis la devon de sangvenĝo, sentos la samajn konsciencriproĉojn, kiel anglo, kiu en momento de kolero faras sangan venĝon.

La eŭropa moraldoktrino ne sufiĉe atentas la **relativecon de l' moraleco.** La etikuloj serĉadas ĉiam absolutan, abstraktan, al la tuta homaro devigan moralleĝon. Ne estas mirinde, ke ili ĝin ne trovas.

La eŭropa etiko volonte akceptas la tezon, ke la kristana moralleĝo **„amu vian kunulon, kiel vin mem"** estas aksiomo de moraleco kun absolute tutmonda valido; kaj tamen Sokrato estus kapŝancelinta pri ĉi tiu leĝo.

Same oni konsideras la leĝon **„ne mortigu"** kiel aksiomon de laŭnatura moraleco, kiel rezultaton, al kiu venas ĉiu moralema homo. Ankaŭ ĉi tiu preteksto estas falsa. Multaj moralleĝoj postulas de siaj anoj la forton al mortigo; en tiu ĉi kultursfero estus viro, kiu rifuzas mortigi, la plej malmorala.

Same malpermesas ĝenerale validanta moralleĝo validas en nia kultursfero relative, ĉar ekzistas multaj formoj de laŭleĝa ŝtelado, kiuj estas ne nur jure sed ankaŭ morale permesataj, dum ne laŭleĝa ŝtelado estas leĝe kaj morale malpermesata. Sed ekzistas ankaŭ popoloj, en kiuj ŝtelado ne estas malmorala.

Same malpermesas ĝenerale validanta moralleĝo la **adulton** kaj certajn formojn de **seksa malmoraleco:** ankaŭ ĉi tie decidas la moro pri moraleco; kaj la decidoj pri tio estas en diversaj kultursferoj kaj popoloj diversaj.

Ankaŭ la leĝo **„ne mensogu"** havas nur relativan validon. En multaj kazoj estas pli morale mensogi ol diri la veron.

---

Laŭ ĉio ĉi tio ŝajnas esti tute sensŝance, el studado de moralleĝoj de ĉiuj popoloj kaj tempoj determini **ĝenerale devigan** moralleĝon: same sensŝance, kiel en la arto la kreo de ideala stilo sur bazo de arthistoriaj studoj. Ĉar ĉiu kulturo kaj ĉiu epoko kreas sian apartan moralon, same kiel ĝi kreas sian propran artstilon.

Ĉi tiu simileco de etiko kun estetiko klariĝas per tio, ke **etiko estas nur unu ĉapitro de l' estetiko,** ke virto estas nur certa parto de beleco: **estetiko estas la doktrino pri la belo ĉirkaŭ ni — etiko estas la doktrino pri la belo en ni.**

Same, kiel la estetiko fiksas normojn kaj leĝojn por la beleco kaj koloroj, formoj kaj sonoj — same la etiko fiksas normojn, leĝojn **por la beleco de l' homa** karaktero kaj ago.

En la granda libro pri belo, etiko estas la ĉapitro, kiu pritraktas la **belecon de l' animo.**

Malgraŭ ĉiu diverseco de stiloj kaj artspecoj restas la du esencaj elementoj de beleco: **forto kaj harmonio.** Ĉi tiuj du elementoj estas samtempe la fundamentaj valoroj de ĉiu moraleco.

---

### 2. Moraleco kaj klimato.

**Klimato same influas la moralecon, kiel la vegetacion.** Kie estas aliaj la vivkondiĉoj, tie estas ankaŭ aliaj la vivformoj, moroj; kaj per tio **ankaŭ la moraleco.**

La tropikaj regionoj montras aliajn moralecojn ol la nordo, la dezerto aliajn ol la agrikultura lando, la arbaro aliajn ol la stepo.

Ju pli da luktado postulas la naturo de l' homo pro lia ekzistado, des pli **heroa** fariĝas la moralo; ju pli riĉe kaj senlukte la naturo prizorgas la homon per ĉiuj vivbezonaĵoj, des pli **meditema** fariĝas la moralo. La postuloj de la naturo estas diversaj ĉe malriĉaj kaj riĉaj popoloj: al la riĉaj ĝi permesas ludi kaj revadi; la malriĉajn ĝi devigas lukti kaj labori. El tio sekvas, ke la riĉaj popoloj degeneras, la malriĉaj fortiĝas: ĝis fine la malriĉaj akiras la potencon kaj la riĉecon.

### VIII. 1. Renesanco de l' instinktoj.

La eŭropa moralo pereis, ĉar la eŭropano ne respektis la leĝojn de l' vivo kaj de l' naturo; ĝi reestiĝos, se li revenos al ĉi tiuj leĝoj.

La **kvar vivleĝoj** estas:

Estu **sana!**<br>
Estu **forta!**<br>
Estu **bela!**<br>
Estu **pura!**

Ĉi tiujn leĝojn donis la naturo al ĉiuj siaj kreitaĵoj: al mineraloj, **plantoj,** bestoj kaj homoj.

Tiujn, kiuj obeas ĉi tiujn leĝojn, ĝi rekompencas per vivo, regeneracio kaj feliĉo; kiu malrespektas ĉi tiujn leĝojn, tiun ĝi punas per frutempa morto, degenero kaj mizero.

---

# Enigma konkurso.

**La ses abonantoj, kiuj komence de la januara numero ĝis novembro 1928 estos solvintaj la plej multajn enigmojn, rajtos elekti librojn el la propra eldonaĵo de „Heroldo de Esperanto" je valoro de rmk. 5.—. La solvoj de la enigmoj en la sekvanta numero devos alveni ĝis 10. 5., el transoceanaj landoj ĝis 15. 7.**

### 1. Geografia silab-enigmo.

a, a, ba, bia, bra, brus, bu, da, dor, e, e, el, ga, gan, ges, gi, gon, ka, il, ir, ka, ki, kutsk, la, la, la, la, li, ma, ma, ma, mos, na, nas, ni, njas, o, o, pest, pu, re, res, ri, ri, ri, ro, sa, sa, sa, sa, sa, ter, tor, upp, xe, zo.

El ĉi-supraj 56 silaboj estas formotaj 19 vortoj, kies komenciteroj, legataj de supre malsupren, nomas sudamerikan respublikon.

La vortoj signifas: 1. usona ŝtato, 2. argentina urbo, 3. hinda riverego, 4. monto en Kaŭkazo, 5. afrika lago, 6. markolo (marstrato), 7. sudamerika monto, 8. japana urbo, 9. sudamerika riverego, 10. svisa monto, 11. sudangla urbo, 12. insulo en Egea maro, 13. meksika urbo, 14. sveda urbo, 15. eŭropa ĉefurbo, 16. duoninsulo, 17. siberia urbo, 18. afrika dezerto, 19. usona ŝtato.

### 2. Nombra enigmo:

**Originalaj Esperanto-verkistoj kaj -verkoj.**

a) 1 2 3 4 5 6 7 8 / 9 2 4 10 11 4 12 7<br>
b) 8 7 12 13 4 / 2 14 15 10 3 7 16<br>
c) 6 7 6 9 7 17 / 9 2 18 2 16 19 7<br>
d) 16 20 5 13 / 9 2 5 19 7 16 19 4 9 8 2 5 18 2 1 15 7<br>
e) 14 20 9 18 6 20 15 10 / 15 19 7 16 19 4 7 12 8 4 7<br>
f) 14 2 13 6 21 / 19 2 5 22 20 3 2 12 18 7 5 4 18 7 16<br>
g) 9 20 21 23 4 5 / 11 12 7 15 24 18 2 12<br>
h) 11 12 15 17 2 18 / 13 15 5 4 17 12 2<br>
i) 13 12 2 20 / 2 3 2 16 11 7 4 3 7 16<br>
k) 2 12 13 20 10 / 11 12 7 23 15 7<br>
l) 17 2 9 9 15 4 5 5 4 / 23 2 10 18 4 9 7 19 4 11 12 4 9 7 5 13 7<br>
m) 13 12 4 5 23 2 3 11 / 11 4 5 10 4 12 7 16<br>
n) 15 1 13 20 12 / 16 4 9 2 5 7 3 7 19 4 9 17 15 17 7

Ĉiu nombro signifas literon. La nombroj antaŭ la signo / signifas kune la nomon aŭ la pseŭdonimon de originala Esperanto-verkisto, la nombroj post la signo / signifas lun originalan verkon verkitan de la koncerna verkisto.

a) signifas la nomon kaj verkon de hebrea verkisto, b) tiun de germana (pseŭdonimo), c) rusa, d) germana, e) nederlanda, f) hungara, g) angla, h) svisa, i) kataluna, k) germana (pseŭdonimo), l) franca (mortinta), m) pola, n) sennacieca verkisto.

### 3. Vizitkarta enigmo.

*Irma Stronk*

*Vieno*

La literoj de la nomo kaj urbo, alimaniere vicigitaj, nomos la profesion de la fraŭlino.

**(Solvoj en la junia numero.)**

### Solvoj

de la enigmoj en n-ro 2.

**1. Silab-enigmo.**

1. Bo, 2. AnanAso, 3. NomaDo, 4. KatiNo, 5. FontO, 6. AbisMoj, 7. KajuTo, 8. AltrUdi, 9. EdikTo, 10. SimiO, 11. PartIo, 12. EkvaCio, 13. RitmO, 14. AdreSo, 15. NaftAlino, 16. TermOmetro. — Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda.

**2. Ĉevalira enigmo.**

**Sentenceto.**

Malŝatanto de vino,<br>
Eĉ de kanto, virino,<br>
Malsaĝadas ĝis fino.

**3. Vizitkart-enigmo.**

Vagonriparisto.

La enigmojn en n-ro 2 solvis:

Solvis 3 enigmojn: Arger, Bräuer, Charon, Csadér, Della Savia, Dittrich, Donath, Dratwer, Drazdauskas, Dubinski, Duringer, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Gensch, Gurányi, Hammermeister, Homann, Hoschtalek, Indra, Jagomäe, Jeremies, Kayser, Kimmel, Kolodziej, Kosters, Krämer, v. Laban, Lisovsky, Möbusz, Montezemolo, Neuchâtel (Esp.-grupo), Nischwitz, Rambousek, Reinhart, Schiebl, Schöttl, Simmons, Sommer, Stein, Strausz, Ŝirjaev, Vicková, Werner, Wipplinger.

Solvis 2 enigmojn: Baird, Besençon, Bennevie, Grodl, Hörning, Klančik, Kronk, Meinel, Petzold, Pleim, Rothgerber, Savioki, Weleminsky, Wicke.

Solvis 1 enigmon: [illegible]

---

Tre multaj skribis „Privagonaristo" anst. „Vagonriparisto", sed ni akceptis ambaŭ solvojn. Unu spritemulo trovis la solvon „Porvirina gasto!" (ho bo!) — ankaŭ tiun solvon ni akceptis.

Kelkaj solvantoj skribas tre klare kaj akurate; sed estas multaj, kiuj tute ne atentas kaj kiuj ofte intermiksas la literojn; ni petas, ke oni bonvolu estonte pli bone atenti. Ne skribu „Abismo" aŭ „Abizmoj" anst. „Abismoj", ne „Naftaleno" anst. „Naftalino" k. s.

Al B. Vl. en Kl. Por via karto kun solvoj, afrankita per 0.50 kr., ni pagis punafrankon de 0.15 rmk.

# Humoro.

Pastro: Sinjoro, ĉu vi ne timas la inferon?

Malsanulo: Mia kara pastro — dum dekkvin jaroj mi loĝis kun mia bopatrino, do nenio jam povas timigi min.

I. Z-ski.

---

— Mi ne vidis vin en la oficejo jam de tri tagoj . . .

— Mia edzino mortis, via moŝto . . .

— Bone; sed diru al via edzino, ke ŝi ne plu faru tion, ĉar vi povus perdi vian oficon ĉe mi!

I. Z-ski.

Kaj tio, kio estis restinta de la mizera besto, finfine kaptiĝis per la vosto!

Por gardi sin kontraŭ la liberiĝo de kaptitaj bestoj per memamputo, la kaptistoj trovas en siaj instrukciaj libroj la rekomendon, uzi tiajn kaptilojn, kiuj posedas tiel nomitajn „patojn", tiel ke la piedo de la kaptita besto, se ĝi eniĝas en la mezon de la kaptilo, estas kaptata tuj sub la korpo. Tiam neniu eĉ forta memdiskarnigo povas liberigi la malfeliĉan kreaĵon. Ĝi devas suferi sian sorton, eĉ se ĝi kiom ajn mordus sian kaptitan piedon kaj en sia malespero elrompus siajn dentojn je la neŝedebla ŝtalo — neniam plu ĝi povas liberiĝi!

La tiel nomita „risorta bastono" estas alia metodo aplikata de la felkaptistoj, ne nur, por malhelpi la liberiĝon de sia kaptaĵo per memkripligo, sed eĉ por samtempe malebligi la ruinigon de la bestoj per aliaj, preterpasantaj bestoj. Tiu ĉi „risorta bastono" konsistas el forta elasta bastono, kiu estas metata en la teron proksime de la kaptilo. La supra ekstremaĵo de la bastono estas malsupren-fleksata kaj fiksata tiamaniere, ke ĝi liberiĝas jam per la plej facila tuŝiĝo. La kateno de la kaptilo estas fiksata je tiu ĉi bastono; sekve, kiam iu besto kaptiĝas kaj provas liberiĝi, kio (oni raportas) ofte okazas tiel, furioze, ke eĉ forta kaptilo kaj kateno rompiĝas, tiam la ekstremaĵo de la bastono liberiĝas, per kio la kaptilo kun la kaptita besto alten risortas kaj tiel restas.

La malfeliĉa viktimo devas pendi tiel longan tempon, ĝis ĝi mortas per malsato aŭ frosto aŭ pereas per soifo aŭ doloroj, aŭ ĝis fine la „pendigisto", kiu havas tiun malbenindan metion, alvenas kaj indulge enbatas la kranion de la besto.

Povas ankaŭ okazi, ke tia mizera kreaĵo devas pendi en tia situacio kelkajn tagojn, eĉ semajnon, ĉe kio ĝi suferas turmentojn, kiujn neniu plumo povus priskribi, kaj kiuj estas eĉ plimultigataj per la terúraj doloroj de inflamiĝo. Kaj eĉ tiuj doloroj fariĝas ankoraŭ pli inferaj per la milobla, tute senutila provoj de la kaptita besto, tamen liberiĝi.

Mi ne kapablas trovi konvenajn esprimojn, kiam mi pripensas pri ĉiuj-ĉi aferoj, pri ĉi tiuj teruraj krimoj, kiujn la homo ĉiujare plenumas je milionoj de siaj mizeraj senhelpaj fratkreaĵoj. Mi indigniĝas kaj malesperas, kaj mi hontas pro la raso de estaĵoj, al kiuj mi apartenas. Estas tiel terure kruele kaj stulte, tiel senanime kaj frenezel Mi pli vole ŝatus esti insekto — abelo aŭ papilio — kaj, en neklaraj songoj, ŝvebi super la sovaĝaj somerfloroj, ol homo, kunsentanta la maljustecon kaj suferon de tiu ĉi mondo!

Imagu ni rason de cent futojn altaj gigantoj, kiuj en plej ruza maniero per kaptiloj insidus nin homojn, [illegible] zorgante pri nia traktado.

Imagu, ke malgraŭ nia atentemo ni povus ĉiupaŝe trafi tiujn ĉi kaptilojn ĉie kaŝitajn, kaj ke ni, por liberiĝi, devus demordi niajn proprajn krurojn!

Imagu, ke eĉ tiam unu el kvin inter ni estus tiel malbonŝanca, ke li estus kaptata ankoraŭ duan fojon, kaj ke, post horoj aŭ tagoj da nepriskribeblaj turmentoj, li estus mortigata per bato surkapen, kiu farus el lia cerbo senforman kaĉon!

Imagu, ke en tiu ĉi afero ni estus tute senhelpaj kaj ke niaj turmentistoj per ĉiuj-ĉi diablaj abomenaĵoj sekvus nenian alian celon krom tiu, akiri niaŭ skalpon aŭ niajn makzelajn ostojn, por porti ilin je sia demona kolo!

Imagu ankoraŭ, por konduki la analogion ĝisfine, ke tiuj ĉi gigantoj opinius sin tre civilizitaj kaj instruitaj; kiun opinion do, en la kurado de la epokoj, ni ridevus pri la vera karaktero de tiuj ĉi homoj kaj pri ilia kapableco, esti imitindaj ekzemploj kaj regantoj de planedo?

El „Blanka Standardo"
(Weisse Fahne, Pfullingen, Germ.)
tradukis M.



# La Einstein-turo.

La fremduloj, kiuj vizitas Potsdamon, rapidas unue al la historiaj lokoj de la iama Hohenzollern-rezidenco, al la kasteloj kaj ĝardenoj, kaj nur tiuj, kiuj transpaŝas la limojn de la urbo en la direkto al Werder aŭ Caputh, ekrigardas sur la arbaraj altaĵoj de la telegrafmonto hele lumantajn kupolojn. La sciigo, ke ili vidas la konstruaĵojn de la Astrofizika observatorio, plej ofte sufiĉas al ili. Nur malofte ĝi estas konata al ili. Kaj entute tio ankaŭ estas bona, ĉar la ordinara fremdularo certe ne estas bonvenaj gastoj en ĉi tiu senbrua regno de la ekzaktaj sciencoj, kaj nur por fakuloj kaj por precipe interesigataj laikoj oni aranĝas gvidadon, kutime vendredon posttagmeze. Amasvizito ne estas rekomendinda.

La plej rimarkinda konstruaĵo tie alte, same la plej nova kaj plej moderna, estas la Einstein-turo (prononcu: Ajnŝtajn). Ĝi ja okaze de sia pretigo estis prezentata al la tuta mondo en la ilustritaj gazetoj, kiam la esprimo „Relativitätstheorie" (teorio de la relativeco) estis en ĉies buŝo, eĉ de nekompetentuloj. Interesplena, altgrade propravola kaj aparta estas la ekstera konstruo de la turo. Ĝi similas al defenda kirasturo kaj mnuigas la plej altan laŭdestinecon kun formoj, kiuj estas al la okuloj nepre agrablaj. La konstruinto, Erich Mendelsohn (Berlin), liberigis sin kun forta arkitekturo de ĉiuj idoloj kaj stilspecoj, egaligis la formojn tute al la destino, evitante tro profanan efikon. Eĉ nur pro ĉi tiu konstrustilo rekomendiĝas vizito al la loko kaj rigardo de la turo.

Nur malmultaj personoj sukcesos, enpenetri en la internon de la turo. Tial estu komunikataj kelkaj informoj:

La Einstein-turo prezentas turteleskopon, t. e. vertikalan teleskopon, kiu ne estas movebla kiel la kutimaj, kaj kiu ne povas esti direktata al la steloj, sed estas fiksita en la turo. La objektivo montras suben. Tie la lumon de la steloj kolektas kaj reflektas spegulo, do la bildo de la stelo falas nerekte, pere en la objektivon. Tiaj teleskopoj estas aplikataj en Ameriko jam depost kelka tempo ĉe diversaj observatorioj, sed en Eŭropo la Potsdama estas la sola. Ĝi estas destinita, same kiel la granda turnebla teleskopo, por spektro-esploroj, kaj estas por tiuj precipe bonuzebla, ĉar la bildo de la stelo ne formiĝas en la teleskopa lenso, libere ŝvebanta en la lumspaco de la kupolo, sed en subtera interno de la turo. Tie la spektro-mezuriloj povas esti gardataj kontraŭ ĉiaj ŝanĝetoj de la temperaturo.

La tie ĉi prilaboritaj spektrogramoj estas unu el la rimedoj, esplori la ĝustecon de la multe priparolata teorio de Einstein. Ĝi kontraŭstaras la ĝisnunan matematikan doktrinon kaj asertas, ke la gravitacio ankaŭ influas la lumdisigon. Nature temas nur pri tre malgranda flankenpuŝado. Einstein asertas, ke la longonda ruĝlumo estas en la gravitacia kampo pli forte rompata ol la mallong-onda violetlumo. Tial la multuzata moda gvidvorto pri la „ruĝflankenpuŝado" (Rotverschiebung).

Por ĉi tiuj esploraj komparoj, por kiuj estas postulata la plej granda ekzakteco, multaj fizikaj helprimedoj estas necesaj. [illegible] n la turkelero ili ekzistas grandstile. Ekzemple elektra hejtigilo je forto de kelkaj cent amperoj. Per ĝi oni estas kapabla, produkti ekstraordinare altajn temperaturojn (2000 gradojn kaj pli!)

Ankaŭ por aliaj taskoj de la spektrografio, kiu hodiaŭ estas tiel grava por la strukturesploro de la atomoj, tiu plenvalora laborejo havas grandan utilon kaj signifon. Estas rimarkinde, ke la Potsdama observatorio prilaboras jam depost jardekoj ĉi tiujn demandojn, kiuj gajnis precipan intereson por la moderna atom-doktrino kaj la Einstein-teorio. (El „Potsdamer Fremdenblatt".)

[Lastatempe oni legis en la taggazetoj noton, ke bedaŭrinde la altvalora turo jam nun postulas konstruajn riparojn, por kiuj monaj rimedoj ĝis nun ne estas disponeblaj.]

---

Ĉar okaze de la 17-a Germana Kongreso en Potsdam oni ankaŭ vizitos la observejojn, tiuj legantoj, kiuj je pentekosto partoprenos en la kongreso, havos okazon propraokule almenaŭ de ekstere rigardi tiun antaŭpriskribitan „Einstein-Turon". Rilate al la tempoj por tiuj vizitoj al observejoj vidu la detalan kongresprogramon en n-ro 11 de Heroldo de Esperanto.



# Kion do li havas en la kesteto?

Originala aprila rakonteto
de Joan Veri.

Kasper Karjus konstruis al si novan domon, kaj nur antaŭ kelkaj tagoj transloĝis tien kun sia juna bela edzino kaj kun sia fileto, kiun ŝi donacis al li antaŭ tri semajnoj. La geedzoj estis feliĉaj — feliĉaj pri si mem kaj feliĉaj pri sia amata fileto kaj pri sia nova varma kaj luma hejmo. Hodiaŭ ili festis duoblan feston — inaŭguron de sia nova domo kaj baptofeston de sia unua fileto.

Ĉiuj parencoj kaj amikoj estis invititaj al la festeno. Preskaŭ ĉiuj alvenis, ĉar la geedzoj Karjus estis ĉies honorigatoj.

Ĉiuj gastoj estis bonvenigataj, kaj komenciĝis gaja festeno. Tio estis — jes, tio okazis vespere je la 31-a de marto, en la jaro mil naŭcent-dudek . . . nu — nu — ne, la jaron mi ne memoras, kaj eble — jaro ne estas grava por leganto.

Nu, tiel daŭradis la festeno kaj pasadis la tempo. Jam la ceremonioj de la inaŭguro de l' nova domo kaj la bapto de la infano estis finitaj. Proksimiĝis noktomezo; la gastoj ĝojadis kaj ridadis, interparoladis kaj ŝercadis.

Nu, ĉio bona.

Je la noktomezo aperis en la salono Paŭlo, pli juna frato de Kasper. Li portis sub la brako negrandan kesteton, ornamitan per diverkoloraj paperrubandoj. Li metis ĝin sur seĝon en la mezo de la salono, flankenigis la paperrubandojn ĉe iu loko de la kesteto, kie videbliĝis malgranda trueto. Li rigardis tra la trueto en la kesteton kaj bonvoligis la gastojn ankaŭ trarigardi.

Multaj rigardis. La unuaj rigardintoj ovacie aplaŭdadis, kriadis al Paŭlo: „Bravo!" kaj miris, kiel do tiu artifikisto kapablis elpensi tian belan ŝercon. Aliaj, kontraŭe, grimacadis, ekkraĉis kaj diris, ke Paŭlo spriteme ilin trompis. Triaj frapetis post siaj orelojn, rigardis alterne jen Paŭlon, jen la ĉirkaŭstarantajn gastojn kaj . . silente iris flanken. Preskaŭ ĉiuj ekrigardis siajn poŝhorloĝojn kaj eklevis la ŝultrojn.

Kelkaj ne kuraĝis rigardi, supozante vidi en la kesteto ion maldecan aŭ hontindan kaj demandis aliajn: „Kion do li havas en la kesteto?" Sed neniu eldiris tion, konsilante enrigardi mem. Novaj enrigardantoj-timemuloj same grimacadis, ridadis kaj ankaŭ siavice trudis aliajn timemulojn rigardi.

Okazis ĝenerala ridado, ŝercado kaj interdisputado pri tio, kion li havas en la kesteto. Oni nomis ŝerce multe da objektoj, kiujn li povas havi en la kesteto, sed la veron neniu diris. Tiuj, kiuj definitive tute ne kuraĝis rigardi en la kesteton, scivoleme demandis: „Kion do li povas havi en la kesteto?" — Tamen ili ne sciiĝis.

Paŭlo estis jam delonge foririnta kun sia miriga kesteto, kaj inter la gastoj estis ĉesinta la ridado kaj ŝercado, sed inter tiuj kiuj timis enrigardi la kesteton, ankoraŭ daŭradis demandado-respondado kaj divenado pri tio, kion do li havis en la kesteto.

Leganto aŭ legantino, ĉu vi povas diveni, kion li havis en la kesteto? Se vi tion ne povas, mi malkaŝas ĝin al vi: li havis en la kesteto elektran poŝlumigilon, kiu lumigis vorton, per grandaj literoj skribitan sur unu mureto de la kesteto: Aprilo!

# Ĉemizo, robo kaj ŝtrumpoj.

(„Ŝvita interparolado" en tagoj de varmego.)

Mi sidis en Katarinvalo[1] kaj ŝvitis. Estis nome unu el la plej varmegaj tagoj de tiu ĉi jaro. Mi observadis la preterirantojn. La pli granda parto de ili estis virinoj. Junaj kaj belaj. Malpeze vestitaj. Mi preskaŭ povis vidi tra ili. Malkontento, ĉagreno plenigis mian koron de maljuna fraŭlo: kio malhelpas ilin promenadi dum varmego — ili rezignis eĉ la longajn harojn!

Venis fraŭlino. Kaj sidiĝis apud mi. Ŝi ne ŝvitis.

„Ha, kiel varmege!" plendis viŝante la glueman frunton.

„Tute ne troe!" respondis la fraŭlino senkompate.

„Almenaŭ kvardek gradoj en ombro!"[2])

„Kaj kio do? Necesas nur konvene vestiĝi!"

„Konvene? Do mi certe devus rezigni surtuton, ĉapelon, ŝtrumpojn, kolumon, ĉemizon kaj . nu — kaj pantalonojn. Kaj tion ĉi mi ne kuraĝas."

„Malkuraĝuloj estas vi — viroj!"

Mi estis devigita konsenti kaj konfesi, ke rilate kuraĝecon ni, viroj, lasas ankoraŭ multon deziri. Ni timas ĉion, komencante per la dentkuracisto ĝis la virino. Kaj la publikan opinion, certe, plej multe.

„Kaj vi, virinoj, timas nur la muson!" ironiis mi.

„Sed ne vestiĝi konvene al varmego."

„Antaŭe estis alie. Tiam vi scipovis ankoraŭ honti."

„Antaŭ kiu?" Ĉi tio estis kvazaŭ elvoko.

„Nu, ekzemple, antaŭ ni la viroj . . ."

„Nun ni jam liberiĝis de tiu malsaĝa hontemo. Ankoraŭ antaŭ dek jaroj apartenis al nia somervestaĵo bluzo, robo, subrobo, subjupo, korseto, ĉemizo, pantalonoj kaj, komprenéble, ankaŭ ŝtrumpoj; krome aro da malgrandaĵoj. Sed nun nur ĉemizo, robo kaj ŝtrumpoj. Ĉetere kelkaj el ni forlasis jam, kiel superfluan, ankaŭ ĉemizon . . ."

„Do, vi portas nur robon kaj ŝtrumpojn?"

„Pli ne necesas."

„Ĉu ne estus eble, ankoraŭ pli malmultigi?"

„Kial ne? Se vi, viroj, ne estus tiel malprogresemaj kaj timemaj!"

Mi sentis, ke mi estas batita. La kunparolantino kompateme rigardis mian lanan veston. Mi ŝovis la tukon, malsekan de ŝvito, en la poŝon kaj lame ekiris en la direkto de la varmegon radiantaj urbmuroj. Oh-o.

Laŭ „Esmaspäev" (lundo)
el estona lingvo tradukis M. Grigoriev.

[1]) Katarinvalo — granda parko proksime de Talli[n], ĉ. 200 jarojn aĝa.

[2]) En Estonio estas uzata termometro de Réaumur. 40° R. = 50° C.

## Aĉetantoj de libroj

**bonvolu atenti!**

1. „Kataluna Antologio" estas elĉerpita.
2. „La Alta Kanto de la Amo" (Teo Jung) jus aperis en dua eldono, sur eĉ pli bona papero ol la unua eldono. Prezo rmk. 0.80.
3. Je la Tago de la Originala Esperanto-Literaturo (14-a de aprilo) aperos du verkoj de Nikolao Hohlov: „La Tajdo", originala poemkolekto, prezo rmk. 1.20; kaj „La morto de Danton", traduko el la rusa originalo de A. Tolstoj, prezo rmk. 1.60.
4. Depost la 1-a de aprilo la aĉetantoj de libroj aldonu ĉiukaze 10% por afranko kaj pako, ankaŭ germanoj kaj aŭstrianoj. Mendoj de pli ol rmk. 10.— estas liverataj sen kalkulo de afranko.

**Libreja fako de Heroldo.**

## Kiu deziras

posedi valoran kaj belaspektan originalan verkon kaj ne povas elspezi multe da mono, tiu mendos je la Tago de la Originala Esperanto-Literaturo la originalan premiitan poemon de Teo Jung:

## La Alta Kanto de la Amo

Prezo nur rmk. 0.80.

La unua eldono elĉerpiĝis dum apenaŭ unu jaro. La dua eldono konservis la saman luksan eksterajon kiel la unua eldono; ĝi estas presita eĉ sur pli bona papero.

**Libreja fako de Heroldo en Horrem b. Köln.**

## Ilustrita Biblioteko

**serio I: Oriento.**

La tuta serio (kvin numeroj) kostas rmk. 2.—; duontole bindita en unu volumo, kun kvar tutpaĝaj ilustrajoj, rmk. 3.60. Unuopaj volumoj kostas po rmk. 0.50; ĉiu volumeto enhavas titolan bildon kaj tutpaĝan ilustrajon. Jen la titoloj de la unuopaj volumetoj:

N-roj 1/2. **P. W. van den Broek: Devi Angreni,** kaj: **Mak Mlah.** Du rakontoj el Javo.

N-ro 3. **M. Ĉ. Kuo: Ribelemaj virinoj (Uan Caŭ Ĉin).** Moderna ĉina dramo en du aktoj. El ĉina lingvo tradukis Ŝ. M. Chun.

N-ro 4. **Kalidasa: Sakuntala.** Rakonto el la antikva Hindujo.

N-ro 5. **Mil kaj Unu Noktoj.** Tri rakontoj el la mondfama fabelkolekto.

Haveblaj ĉe la eldonejo:

**Libreja fako de Heroldo en Horrem b. Köln (Germ.).**

Jus aperis:

## Komerca Vortaro en Esperanto

de **R. Kreuz** kaj **A. Mazzolini**, membroj de Lingva Komitato.
Aranĝita laŭ metodo de Kabe.
**Prezo Liroj 12.— aŭ Rmk. 3.20 tolbindite.**
Havebla ĉe la Esperanto-Eldonejo
**A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italujo**
aŭ ĉe la
**Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln.**

**Dum la tago de la originala Esperanto-literaturo**
ĉiu esperantisto aĉetos la verkojn de

## Julio Baghy:

| | | |
|---|---|---|
| **Preter la Vivo,** poemaro | simpla RM | 1.70 |
| | lukse bind. | 2.50 |
| **Pilgrimo,** poemaro | simpla | 1.20 |
| | tole bind. | 2.— |
| **Dancu marionetoj,** novelaro | simpla | 2.20 |
| | duontole bind. | 2.60 |
| | lukse bind. | 3.70 |

plus 10% afranko ĉe
**Librejo de Hungarlanda Esp. Societo-Laborista**
**Budapest VIII, József krt. 9-I-3**
aŭ ĉe la
**Libreja fako de Heroldo en Horrem b. Köln.**

# Landoj de l' Fantazio

**328 paĝoj, kvar tutpaĝaj ilustrajoj kaj titola bildo**
**Prezo: broŝ. rmk. 3.20, duontole bind. rmk. 4.80**
**ĉe la Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln (Germ.)**

**Okaze de la Tago de la Originala Esperanto-Literaturo plej rekomendinda verko.**

### Kion diras la legintoj pri la romano?

. . . majstroverko, en kiu poezio kaj prozo artece, harmonie interplektiĝas. Neriproĉebla, klara stilo, ĉiam laŭ fundamento, agrabla kaj logika frazordo sorĉas al leganto la interesajn bildojn de romantikaj okazajoj kaj strecas lian scivolemon seninterrompe ĝis la (laŭdezire feliĉece finanta) fino.

Generalo R. (Ĉeĥoslovakujo.)

. . el ĉiuj de mi legitaj romanoj, originale verkitaj en Esperanto, tiu ĉi ŝajnas esti al mi (nekompetentulo!) la plej poezia.

C. J. en N. (Germanujo.)

. ŝajna naiveco estas la nesuperebla ĉarmo de la verko, ĉar ĝi venas el funde infanpura koro kaj traradias ĉiujn liniojn. Pro tio la verko treege bone konvenas ankaŭ por gejunuloj, ja eĉ por infanoj kaj tamen estas altvalora legajo por pli postulemaj plenaĝuloj.

S-ino S. V. en L. (Finnlando.)

Alterne ĉiam venas kaj defluas
La ondoj de la vivo en la kor',
Simile al la maro ili bruas,
Kaj, rokojn atakinte, rampas for.

Post pauza tago de l' serena glato
Jam rulas sin la akvo por batal',
Kaj des pli fu'ozas en la bato,
Ju pli la rokoj spitas en fatal'.

*Je la 14 a de aprilo aperos la plej nova originalajo*

*LA TAJDO*

*Lirikaj poemoj de Nikolao Hohlov*

*Prezo rmk. 1.20 ĉe la*

*Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln*

Lanugan ŝaŭmon ridetante vestas
La vera ĝojo sub la suna bril',
Sed la angoro muĝas kaj tempestas
En sia gala, nuba maltrankvil'.

Kaj ŝanĝas sin en ĉiu kora tremo
La kanto de l' batalo kaj kviet',
Kaj tajdas en la sango la poemo
De l' krea kaj eterna Prapoet'.

Pro tiu tajdo vibras mia roko
Kaj vibros ĝis la falo sen reven',
Sub karmanjola fajfo de l' siroko
Kaj demoneca rido de l' siren'.

Por en la drono naski saŭman neĝon
Al ies nova, ies juna ĝoj',
Por, rompiĝante, diri dankan preĝon
Al la angor' je la unua foj'

### Kiel unu voĉo

sonas la laŭdo de la Esperanto-gazetaro pri la korekta lingvo kaj la flua stilo de la originala Esperanto-romano de nia nederlanda samideano H. J. Bulthuis:

**Jozef kaj la edzino de Potifar**

aŭ: Idoj de Merkuro kaj Eroso.
Prezo broŝ. (du volumoj) rmk. 3.20
Bindita en unu volumo . rmk. 4.80
**Libreja fako de Heroldo en Horrem b. Köln.**

## Vortoj de Prof. Th. Cart

**la libro, kiun ĉiu samideano devas legi.**

140 paĝa nur rmk. 2.— ĉe la
Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln

Jus aperis:

**Benito Mussolini**

## La antikva Romo surmare

**Prezo Liroj 8.— aŭ Rmk. 2.—.**
(La tuta profito de la eldonajo estas destinita al porinfana bonfaro.)
Mendojn al la Esperantista Presejo **A. Paolet** en **S. Vito al Tagliamento, Friuli (Italujo)**
aŭ al la
**Libreja fako de Heroldo en Horrem b. Köln.**

## Novajo.

Ne originala Esperanto-verko, tamen rekomendinda estas

## La Morto de Danton

Tragedio el la franca revolucio.
Laŭ la rusa originalo de **A. Tolstoj** tradukis **N. Hohlov.**
Aperos je la mortotago de nia Majstro D-ro Zamenhof (14-a de aprilo).
Prezo rmk. 1.60
**Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln.**

Ni sukcesis ricevi ankoraŭ kvanton de la jam elĉerpita

## Internacia Krestomatio

de la plej fama Esperanto-stilisto **Kabe.**

Kun tradukoj el verkoj de Dumas, Ĉeĥov, Gorkij, Kipling, Niemojewski, Serao, Sienkiewicz kaj Suthner.

Prezo de la 108-paĝa libro rmk. 1.20.

**Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln** (Germanlando)

**Neniu filatelisto sen la**

## Filatela Terminaro

de Herbert M. Scott, Lingva-Komitatano.

**En lingvoj esperanta, angla, franca kaj germana** kun difinoj en Esperanto.

Prezo rmk. 0.80 (sv. fk. 1.—) aŭ egalvaloro.
Por afranko aldonu rmk. 0.20, el Germanujo kaj Aŭstrio rmk. 0.10.

**Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln** (Germanujo)

## Julio Baghy

Behrendt skribas en „Esp.-Praktiko": Baghy estas poeto, ĉu genia ĉu nur talenta — mi ankoraŭ ne kuraĝas respondi: pri tio juĝos iam la historio de esperantlingva literaturo. Kiel nuntempa recenzanto mi havas la devon, atentigi la legantaron pri tio, ke en Baghy montriĝas verkisto ne nur atentinda, sed eĉ nepre atentenda! Novelaron li prezentas; rilate al ĝia enhavo li reiras ĝis „Kain kaj Abel". Estas, kvazaŭ la verkisto montras al ni kalejdoskope korpiĝintajn sentojn de homoj estintaj. Laŭ mia opinio la plej impresaj noveloj estas „Unu el la kvar" kaj „Nur homo"; la unua estas dramece impona laŭ materie korpa kaj laŭ anime spirita vidpunktoj; la dua tuŝas plej delikatajn demandojn de psiĥologio. Baghy, la poeto, estas artista stilisto kaj stilista artisto

**Dancu, marionetoj!**

La novelaro kostas broŝ. rmk. 2.20, bind. rmk. 2.60, lukse bind. rmk. 3.70. Havebla ĉe la
**Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln (Germ.)**

# ORIENTO

**ankoraŭ ĉiam pruvas sian fortan allogecon. En la unua serio de nia Ilustrita Biblioteko ni kolektis, sub la titolo „Oriento", kelkajn precipe interesajn literaturajojn el diversaj orientaj landoj: Javo, Ĉinujo, Hindujo, Arabujo. La pli multaj el ili estas postrakontoj originale en Esperanto, kaj unu estas traduko de dramo. La prezo por la bele bindita kaj per kvar tutpaĝaj bildoj ilustrita libreto estas nur rmk. 3.60.**

**Haveblaj ĉe ĉiuj Esperanto-librejoj kaj rekte ĉe la eldonejo**

## Libreja fako de Heroldo en Horrem b. Köln, Germanujo